# INTERNACIA JURNALISTO

JARO XII, SOFIA — BULGARIO
JULIO — SEPTEMBRO 1968, № 3



ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

L. Mareda

## ĈU LA MAŜINOJ POVAS ANSTATAŬI LA LABORON DE LA ĴURNALISTOJ

Ne, ne povas. Sed ili efektiviĝas sur ĝin grandan influon, kaj en iuj kazoj eĉ esence ŝanĝas ĝian karakteron. Kun tio-ĉi konsentis ĉiuj delegitoj, partoprenintaj la kolokvon en Praga la pasintan jaron. La internacia Asocio pri esplorado de la rimedoj de amasinformado kaj la identa instituto ĉe Karl-Universitato en Praga invitis al la kolokvo specialistojn en la sistemo por preparado de ĵurnalistoj el pluraj landoj de Eŭropo kaj Ameriko. Ĉeestis ankaŭ reprezentantoj de UNESKO — s-ro Lankŝman Rao (Hindio).

En la kolokvo estis eldiritaj pensoj pri tio: kiajn ŝanĝojn en la preparado de ĵurnalistoj postulas la aŭtomatigo de la poligrafia produktado, la aplikado de kalkulfaraj instalaĵoj en la redakta laboro, utiligo de artefaritaj satelitoj de la terglobo en la tekniko de komunikado ktp. Kaj ni devas diri, kvankam la opinioj de la partoprenantoj de la kolokvo pri diversaj demandoj iam diferencis, ili ne estis evidentaj kontraŭdiroj.

Tra la tuta diskutado dominis la penso, eldirita de la prorektoro de Karl-Instituto Eduard Goldŝtjuker, ke la demando estas ne tiom pri la utiligado de novaj maŝinoj kaj instalaĵoj, sed ĉefe helpe de la nova tekniko, el humanaj pozicioj, sencaltigi la homan vivon.

Ĉefraporton faris la delegito el Ĉeĥoslovakio Vladimir Klineŝ. Li parolis pri la aktualaj problemoj por preparado de ĵurnalistoj konekse al la teknika progreso en la sistemo de amasa informado. Laŭ lia opinio, estas necese aplikadi la modernan teknikon en la redakcioj antaŭ ĉio en la laboro de la dokumentado de la plej gravaj informoj en la granda torento de novaĵoj, kiujn ĉiuminute vomas la informagentejoj de la tuta mondo.

La uzado de la nova tekniko en la redakcio postulas certan helpan kaj teknikan personaron. Tiel la ĵurnalistoj estos liberegitaj de pure mekanika, ofte tre malfacila kaj iukaze tute superforta, laboro kaj havos pliajn eblecojn sin okupi per krea aktiveco.

Prof. Franc Knipping (GDR) en sia raporto sin bazis sur tri principoj:

la aŭtomatigo de la poligrafia produktado kreas principe novan teknikan presbazon;

en la poligrafio, en treege pli alta grado ol ĝis nun, estos utiligata nemio kaj elektroniko;

la teknika progreso efektiviĝos grandan influon al la organizo de la laboro en la gazetproduktado.

Prof. Knipping esprimis penson, ke la estonta ĵurnalisto, krom la vasta ĝenerala kulturo, devas konatiĝi kun la tekniko kaj metodologio de la scienca pensado. Krom informojn pri la disvolviĝo de la sociaj kaj naturaj sciencoj, la instruinstitutoj devas doni al la ĵurnalisto konojn pri la principoj de la kibernetiko, elektroniko, psikologio, sociologio, statistiko kaj logiko. Oni devas instrui la estontajn laboristojn en la presproduktado kompreni bone la principojn de la laboro per modernaj rimedoj de vasta informado.

D-ro Fric Haŭbaŭf, reprezentanto de la Sindikato de la aŭstriaj ĵurnalistoj, dediĉis sian raporton al la problemo pri la socialaj konsekvencoj de la teknika progreso en la ĵurnalistiko. La raporton konsistigas pluraj

demandoj, kiel ekzemple: ĉu la teknika progreso ne signifas, ke la bezono de ĵurnalistaj laboristoj reduktiĝos; ĉu prave estas supozi, ke en plua tempo grandiĝos la intereso legi gazetojn kaj ĵurnalojn? D-ro Haŭbaŭf emfazis, ke de la respondoj de tiuj-ĉi demandoj dependas ne nur la sociala stato de la ĵurnalistoj, sed ankaŭ ilia kapabliĝo.

Kvaran raporton faris la itala profesoro Franĉesko Fatorello. Li supozas, ke kune kun la kresko de la intereso al specialiĝita informado, kreskas la bezono de ĵurnalistoj-specialistoj.

En sia diskutero la dekano de la ĵurnalista fakultato ĉe la universitato de Moskva — Jasen Zasurskij koncerne diversajn opiniojn en la kolokvo parolis speciale pri la aprezo de la eblecoj de la maŝinoj, kiuj, li emfazis, ĉiam estos nur instrumento en la manoj de la ĵurnalistoj. Kun tiu-ĉi vidpunkto konsentis ankaŭ prof. Rajmond B. Nikson, direktoro de ĵurnalistika fakultato ĉe la universitato de Minnesota (Usono), dirante en sia diskutero, ke la maŝinoj devas liberigi la ĵurnaliston de mekanika laboro kaj lasi al li tempon por krea laboro.

Prof. Robert Lennart, direktoro de Supera Ĵurnalistika instituto en Lil (Francio), atentigis la ĉeestantojn en la kolokvo pri la fakto, ke la ĵurnalistoj — nun kaj estonte — devas labori en redakcioj. La aŭtomatiĝo sendube postulos de ili pliboniĝon de la labordisciplino, precizecon, metodecon, sed ĝi ankaŭ donos al ili sufiĉe da libera tempo kiun ili devas dediĉi al esploraj klopodoj de sia specialeco. Li parolis ankaŭ pri tio, ke al la studentoj de ĵurnalistiko oni devas eduki specialajn kvalitojn, kiuj estos al ili necesaj por laboro en la novaj kondiĉoj. Nome, krom la alta labordisciplino, kompreni la esencon de la teknika progreso, konscii la gravecon de la kolektiva laboro, strebi al objektiveco.

La partoprenantoj en la kolokvo voĉdonis decidojn kaj iniciatojn en la senco de la diskutoj.

(El la organo de I. O. Ĵ.)
El rusa: L. Marikin

---

## MIL PREMIOJ KAJ MEMORDONACOJ

Pola Radio kune kun la Pola Olimpika Komitato anoncis novan Grandan Olimpikan konkuzion okaze de la somera olimpiko en Meksiko.

Al la aŭskultantoj oni starigas nur du demandojn:

1) Kiom da oraj medaloj kaj en kiuj branĉoj akiris la polaj sportistoj en la lasta olimpiko en Tokio.

2) En kiu branĉo konkurota en la olimpiko en Meksiko reprezentantoj de Pollando akiros la plej grandan nombron de medaloj, ekzemple: naĝado, gimnastiko, bokso, pafado, malpeza atletiko, biciklado, levado de pezaĵoj.

La venkintojn en la Konkurso atendas mil premioj kaj memordonacioj, inter kiuj senpagaj alvenoj por 12-taga ekskurso al Pollando. La ekskurso de la laŭreatoj okazos en periodo fiksota de Pola Radio. Al la partopreno en la lotado rajtigas ĝusta respondo al unu el la starigitaj demandoj. La partoprenantoj de la Konkurso, kiuj respondas trafe al ambaŭ demandoj, partoprenos krome lotadon de specialaj premioj.

La komuniko pri la rezultoj de la konkurso estos anoncita la 30-a de novembro 1968 j. en ĉiuj niaj elsendoj.

Oni legeble kaj detale skribu la antaŭnomon, nomon kaj plenan adreson, kaj sur la koverto kromskribi: „Olimpika Konkurso". Bonŝancon! Respondojn al la demandoj oni alsendu ĝis la 15-a de oktobro 1968 j. inkluzivo (decidas la dato de poŝta stampo) al la adreso: Pola Radio, Varsovio 1, BOX 46, Pollando.

## „SOLIDARECO—PACO—AMIKECO"

Sub tiu titolo la prezidantaro de la Amatoro-Klubo „Orion-Televido" de la plej granda hungara Radio kaj Televido entreprenejo aranĝas grandskalan internacian foto-ekspozicion en novembro 1968. Ĉiuj fotokluboj, unuopaj fotoamatoroj povas partopreni kun bonaj fotoj en formato de 13×18 cm. Limdato: 20 de oktobro. La ekspozicio estas okaze de la Granda Oktobra Socialisma Revolucio.

Ĉion sendu al la adreso:
Amatorfoto — Klubo „Orion — televido"
Kamarado Ervin Fördös, teknika ĉefgvidanto de la klubo.
Orion Mikro klaso 41.
Budapest. X. Jászberénji út 29.
Magyarország. Eŭropo.

## REDAKCIA PETO

Ni petas ĉiujn kolegojn en la landoj, kie aperas fabrik-uzinoj, oficejaj, kooperativaj, kamparanaj kaj superinstitutaj kaj lernejaj gazetoj tuj kolekti materialojn (raportojn, informojn, instrukciojn, artikolojn) pri la organizo, eldono, redaktado kaj gvidado de tiuj-ĉi malgrandaj gazetoj. La redaktoroj mem de similaj periodaĵoj povus sendi rekte al la redakcio de „I. Ĵ." la petitajn materialojn en franca, rumana, bulgara, serbo-kroata, germana, hispana kaj Esperanto lingvoj. Urĝe! Anticipan dankon!

---

**Kunlaboru al „Internacia Ĵurnalisto"! Ĝi estas via profesia organo.**




## ESRERANTO JE LA SERVO DE ĴURNALISTA AMIKECO

Aperis foto en n-ro 53 (5973) de la soveta urba ĵurnalo „Znamja" (Standardo). Ĝi montras titolojn de diverslanda gazetaro: revuoj — „Nungara Vivo" kaj „Nuntempa Bulgario"; ĵurnaloj — „Minista Fronto" de karbobaseno Marbas en Bulgario, ministaj ĵurnaloj el GDR „Voĉo de Espenhein" (urbo Borna) kaj „Unuiĝinta Forto" (urbo Ölnitz), „Ĉeĥoslovakia Pioniro" el ĈSSR, „Ministo" el la Mongola Popola Respubliko.

Preskaŭ ĉio aperis dank' al la apliko de Esperanto.

Niajn leterojn al la ministoj de GDR tradukis en germanan lingvon la esperantistoj Henriko Otto kaj Roberto Rosner.

Niajn gratulojn al la ministoj de ĈSSR tradukis en ĉeĥan lingvon la forpasin'a konata esperantisto Josef Stankuŝ.

En la bulgarilngva revuo „Karbo" oni presigis artikolon de la ĉefinĝeniero de karbominejo „Gita" V. Iliev pri la inĝeniero-konstruanto de mineja tekniko de nia urbo Uzlovaja-Jurij Natakov, kiu frate helpis al la bulgaraj ministoj en la enkonduko de l' unuaj karbokompleksoj „Tula". La aŭtoro de tiu ĉi artikolo, aplikante la grandan bulgaran-Esperantan vortaron de Atanas Atanasov, tradukis ĝin ruslingve, kaj kun etaj mallongigoj la rakonto pri amikeco aperis ĉi-jare en la urba ĵurnalo, kies redaktorino Maria Miĥejeva tre favore rilatas al la praktika uzo de Esperanto en ĵurnalista agado.

En la supremenciitaj revuoj kaj ĵurnaloj — Esperantaj kaj nacilingvaj — aperis kelkfoje niaj artikoloj, kiuj plejparte raportas pri la amikeco kun la ministoj de Uzlovaja. Sed la plej granda parto de niaj artikoloj, dediĉitaj al diversaj aspektoj de amikeco, volonte publikigas „Nuntempa Bulgario" — unu el la plej popularaj Esperanto-revuoj.

Interesa estas la historio de la apero de nia artikolo en la mongola gazetaro. Antaŭ dek jaroj en karbominejo de Uzlovaja praktikis pli ol unu jaron, por havigi spertojn, la mongola ministo Sambugijn Samdan. Li tradukis paĝon de nia urba ĵurnalo, dediĉitan al la apliko de nova mineja tekniko, kaj ĝin publikigis la mongollingva ĵurnalo „Ministo".

Mankas sur la foto la titolo de pollingva „Illustrovany Kuĵier Polski", kies respondeca sekretario, la konata esperantisto Kazimiro Malycha, en „Esperanto-angulo" regule presigas informojn kaj artikolojn pri la interamikiĝo de la popoloj pere de nia lingvo internecia. Unu el la informoj estis nomita „IKP-Znamja" — pri la frataj kontaktoj de niaj du ĵurnaloj: pola regiona kaj soveta urba.

Kresku ankaŭ estonte la signifo de Esperanto en la firmiĝo de l' amikeco de ĵurnalistoj-pacbatalantoj!

**Leo Fiŝbejn**, mineja inĝeniero,
membro de TEĴA kaj Unuiĝo
de Sovetaj Ĵurnalistoj

---

**Ĉiuj membroj de T.E.Ĵ.A. estas petataj tuj sendi sian membro — aŭ abonkotizon por la pasintaj kaj por la nuna 1968 jaro al la komitatanoj, al la reprezentantoj de T.E.Ĵ.A. aŭ rekte al la redaktoro de „Internacia Ĵurnalisto"!**

# MIRINDA BELECO DE LA SOVETA NIGRAMARA BORDO

Ofte mi legis kaj aŭdis priskribojn pri la belaspekta kaj interesa nigramara bordo de Sovet-Unio. Mi rigardis fotojn, prospektojn, filmojn pri tiu suda parto de USSR.

Sed *tio, kion mi vidis* propraokule ĉi-somere, superis ĉiujn miajn imagojn. Partoprenante la ŝipan 14-tagan marekskurson, organizita de la Bulgaraj profunuiĝoj dum julio j. k. kune kun 60 instruistoj kaj 15 lernantoj, studantaj rusan lingvon, mi havis la feliĉan okazon viziti la plej interesan kaj pitoreskan sudan parton de tiu grandega lando. La favora vetero permesis al ni ĝui tre historiajn urbojn kaj la mirindan belecon de iliaj vidindaĵoj kaj precipe la ekzotikan *laŭkaŭkazan marbordon.*



Dum du tagoj unue ni trarigardis la historian urbon Odesa (vidu foton 1 — La ŝtuparo de Potemkin, kie la caristaj soldatoj mortpafis la laborulojn). Kvar tagojn ni rigardis la subtropikajn vidindaĵojn de la urboj Soĉi, Gagra, Suhumi k. a. kun iliaj belegaj riprozdomoj por la laboristaro. Ni grimpis ankaŭ (autobuse) sur la Kaŭkaz-montego (foto 2 — ripozejo Garga, apud Soĉi, foto 3 — la subtropika urbo Suĥumi. Kvar tagojn *ni restadis* en la *fama* bela *ripozurbo* Jalta en la Krimea duoninsulo. Krom la estintajn — reĝ- kaj princpalacoj — nun laboristaj ripozdomoj (la palaco kie okazis la







Jalta konferenco), ni vidis ankaŭ multajn aliajn ripozdomojn.

Ni vizitis la infanan ripozurbeton Artek, la urbon Simferopol k. a. (Vidu fotojn 4 —. „La Hirunda nesto" — ripozkastelo en Jalta.

Teksto: *Ivan Esperov*

## LIBERA TERITORIO DE LA INSULO DE LA ROZOJ

Eble neniu el vi konas tiun ĉi malgrandan ŝtaton (preskaŭ 400 kvadratmetroj), tamen por ni Esperantistoj la „Insulo de la Rozoj" reprezentas pli ol simpla geografia aŭ turisma kuriozaĵo. Tiu ĉi malgranda ŝtato, fakte, elektis Esperanton kiel oficialan lingvon, stampas monon kaj eldonas poŝtmarkojn kun Esperanta teksto. Nature, estas esperante skribitaj ankaŭ la Statuto, la leĝaro k. t. p.

La „Insulo de la Rozoj" estas aparta ŝtato: ĝi troviĝas 12 km. malproksime de Rimini laŭlonĝe de la mara vojo Rimini-Pola, kaj staras firme ankrita sur ŝtal-betonaj abutmentoj enŝovitaj en la fundo de Adria Maro. Ĝi staras for de italaj teritoriaj akvoj, pro tio devas esti agnoskata kiel Sendependa Ŝtato.

Tiu ĉi insulo estis projektita kaj konstruita de Bologna inĝeniero Giorgio Rosa, kiu konas la spiriton kaj la lingvon Esperanto.

La Bolonga Esperanto Grupo, post permeso de la insula registaro, organizos viziton al Riminbi kaj ekskurson al „Insulo de la Rozoj" per boato kiam e stos forigitaj la malgacilaĵoj kun la itala registaro, kiu okupis la insulon per maraj karabineroj, doganistoj kaj policanoj.

(El „Itala Fervojisto")

## RICEVITAJ ELDONAĴOJ

**— Kroměříž — faldfolia prospekto, bonege ilustrita, pri la interesa ĉeĥoslovaka urbo, nomata ankoraŭ „Ateno de Hana". Livarebla ĉe: Sandi Cár, Husovo nàm 230/15, Kroměříž, Ĉeĥeslovakio.**

**— L i t e r a t i r a K a j e r o — monata kulturliteratura — en Esperanto. Adreso: Rua Baltasar Lisboa, 34 (ZC-11), Rio de Janeiro, CB, Brazilio (ab. — 3 dol.).**

**B o o k L i s t — libro katalogo en angla lingvo pri E.-literaturo. Eldono de Brita E.-Asocio en Londono.**

**— M a l l o n g e p r i Ĉ e ĥ o s l o v a k i o — 67 paĝa libreto de Boleslav Seidl, en E. ilustrita, priskribanta skize historiajn, ekonomiajn, kulturajn k. a. faktojn pri la ĈSS Respubliko.**

**— S u d a V j e t n a m i o; 70 000 G. LJ. — j e t i t a j e k s t e r e n d e b a t a l o d u m l a d u a s e k a s e z o n o. Faldfolia sublemento al la Vjetnama Paco, ilustrita.**

**— S c i i n d a ĵ o j p r i H u n g a r i o — libreto 48-paĝa priturisma, ilustrita.**

**— B u l g a r i n o — bonege ilustrita, grandformata revuo kultura de bulgaraj virinoj.**

**I. B. Hoves**

**Eu Moskvo mortis la fama Esperanto-poeto kaj aktivulo, membro de T.E.Ĵ.A. Isaak Borisoviĉ Hoves. La forpaso de nia eminentulo estas granda perdo por la soveta kaj la tutmonda esperantistaro.**

## „DE ALBANA LINGVO ĜIS ESPERANTO"

Tia anonco, skribita sur kelkaj ŝildoj, renkontis min el la hela kataloghalo de l' Tutunia regna biblioteko de alilanda literaturo. Antaŭ nelonge ĉi tiu fama librotrezorejo dislokiĝis en nova impona domo, aranĝita lau lasta vorto de moderna stilo kaj konstrutekniko. La biblioteko disponas enviindan riĉecon de la tutmonda kulturo — pli ol 3,5 milionojn da volumoj en 127 diversaj lingvoj, de la albana ĝis Esperanto.

Mian atenton antaŭ ĉio kaptis la Esperanto — fako de la biblioteko. Ĉe la katalogskatoleto mi estis absorbita en la trarigardo de la sliparo. Mi estis gaje surprizita renkontinte librojn, kiujn mi neniam legis — de Kalocsay, J. Baghy, F. Szilagyi, E. Mihalskij, N. Hohlov. . . Sed ĉio trovita estas eldonita tro delonge! Ankaŭ revuoj estas nur malnovegaj! Entute mi kalkulis iom pli ol unu milo da titoloj.

Tamen la vivo ne staras samloke. Abunde lastatempe aperis valoraj, modelebelaj libroj ĉe diversaj Esperanto kaj aliaj eldonejoj. En granda kvanto estas eldonataj nun Esperanto-revuoj, ĵurnaloj, gazetoj belaspektaj, riĉenhavaj. Tamen ili forestas en la biblioteko. Tial mi decidis turni min al kelkaj redaktoroj kaj eldonistoj, kun la peto alsendi interŝanĝe al la biblioteko siajn superfluajn eldonaĵojn.

Ekzemplodone sin elmontris d-ro Stefano Báckái, respondeca redaktoro de „Hungara Fervojista Mondo". Li jam alsendis al la biblioteko du binditajn kompletojn de l' revuo (1957—61, 1962—66) kaj du diskojn, faritajn en Budapest dum la 14-a Internacia Kongreso de esperantistoj-fervojistoj.Krome li regule sandas siajn de la kuranta jaro kaj donacis kelkajn n-rojn de la bela „Hungara Vivo", samtempe aboniginte ĝin por la biblioteko ekde januaro 1968. Estas notinde, ke la noblan iniciaton de Bácskái sekvis prof. P. Babin, prezidanto de kulturdomo de Franclandaj esperantistoj, docento — d-ro J. Wurpter k. a.

Jen antaŭ mi kuŝas letero, ricevita de T. A. Ĵdanova, estrino de la fako pri internacia librointerŝanĝo: „. . . En la nomo de l' Tutunia regna biblioteko de alilanda literaturo mi dankas vin pro via helpo en ricevado de libroj kaj revuoj en lingvo Esperanto".

Oni devas gaji, ke en la biblioteko Esperanto trovas favoran rilaton. Nun estas dezirate, ke esperantistoj de la mondo, samkiel ĉiuj redaktoroj kaj eldonistoj de E-libroj, revuoj, gazetoj ktp sendu interŝanĝe al la biblioteko almenaŭ ion el ilia superflua provizo.

Adreso: Tutunia regna biblioteko de alilanda literaturo. Moskva Ĵ-240, Uljanovskaja, 1. T. A. Ĵdanova. Por Esperanto-fako.

Aleksandr Logvin

Ĉiuj Esperanto-periodaĵoj estas petataj represi ĉi tiun eseon aŭ parton de ĝi.

---

## INDA LOKO AL LA ESPERANTISTA KONSPIRA GAZETARO

**Antaŭ nelonge la Eldonejo de la Bulgara Komunista Partio en Sofio aperigis interesan bibliografian libron de Velĉo Kovaĉev *„La konspira gazetaro en Bulgario (1919—1944)"* — daŭrigo de lia granda studo sub la sama titolo, kiu aperis en la pasinta jaro. Sur siaj preskaŭ 600 paĝoj la libro enhavas notojn pri ĉiuj konataj konspiraj gazetoj, revuoj kaj bultenoj, eldonitaj de la Komunista kaj la Laborista Partioj kaj de ĉiuj ili gviditaj junularaj, sindikataj, partizanaj kaj multaj aliaj organizaĵoj kaj grupoj sur la tuta teritorio de la lando. Gravan parton en la libro la aŭtoro dediĉas ankaŭ al la Esperanto-gazetaro, unuiginta dum tiu ĉi periodo la revojn pri libero de multaj esperantistoj-kontraŭfaŝistoj,kiuj samtempe estis bravaj batalantoj en montaroj, rifuĝigantoj, konspiraj agantoj aŭ malliberuloj. Multobligataj en konspiraj stabejoj, en partizanaj terkabanoj, en mallumaj kaj *humidaj ĉeloj de malliberejoj*, persekutataj, konfiskataj kaj neniigitaj de la polico, iuj el tiuj gazetoj kvazaŭ pro miraklo „ĝisvivis" la liberigon. Pri ili ĝis nun sciis nur la redaktoroj kaj iliaj helpantoj kaj kunlaborantoj savintaj sin post la teruraj inkvizicioj. Pro sia modesteco kaj ilta konscio pri devo — trajtoj kakarakteraj por ĉiuj veraj herooj, ili tamen tre ofte ne taksis sufiĉe bone la grandan signifon de sia agado kaj ĝian edukan kaj patriotisman efikon sur la junan generacion. Jen pro tio mi opinias, ke la libro de Velĉo Kovaĉev, krom la multaj pozitivaj kvalitoj de diversaj aspektoj,**



Sen vortoj („Panch“—London)

## Geedzaj interparoloj

Ŝi — Kial vi parolas dormante?
Li — Ĉar nur tiam vi donas al mi tian eblecon.

*

Ŝi — Vidu tiun ĉi homon. Li ekdormis ek la komenco de la filmprezentado.
Li — Ĉu nur pro tio vi vekis min?

*

Ŝi — Kial vi estas malbonaspekta? Eble vi pensas pri io malagrabla.
Li — Nur pri vi mi pensas, mia karulino

*

Li — Konfesu al mi, kiu kisis vin hieraŭ en la parko?
Ŝi — En kiu parko ĝuste?

*

Ŝi — Mi volus paroli serioze kun vi.
Li — Bone, komencu. Mi revenos baldaŭ.

## En la frenezulejo

La kuracisto: — Kiamaniere vi mordis vian frunton?
La frenzulo: — Mi staris sur la seĝo.

*

La kuracisto: — Kial vi venis en la hospitalon?
La frenezulo: — Ĉar mi asertis, ke ĉiuj homoj estas frenezaj, dume la homoj asertadis, ke mi estas freneza. Kaj fine oni obeis al la opinio de la plimulto.

## Diversaj

Oni demandis soldaton, kial li ne preparas sin iri al milito.
La soldato respondis: — Mi konas nek unu el tiuj kun kiuj mi devas militi kaj neniu el ili konas min. Tiam kial ni devas esti malamikoj.

## Inter amikinoj

Ĉu vi estas feliĉa kun via edzo?
— Jes, multe. Kvazaŭ li ne estas mia edzo.



Sen vortoj

---

posedas ankaŭ la gravegan rolon pri „revivigo“ de tiuj unikaj atestoj pri la aktiveco de nia E-movado dum la batalepopeaj jaroj. Mi dirus: „revivigo“ de tiuj sanktaĵoj de la bulgara esperantistaro.

En la komentariaj notoj de la libro estas prezentitaj jenaj konspiraj esperantistaj gazetoj kaj bultenoj:

— „Esperantska Tetradka“ (Esperanta Kajero). Aperis en Sofia Centra Malliberejo. 1941—1942. Redaktis Asen Grigorov.

— „Bjuletin“ (Bulteno). Eldono de la Agitpropaganda Fako de la Laborista-Esperantista Sekcio en Varna. 1934. Redaktis Veselina Panova (Valja Viĉeva).

— „Sur Posteno“. Organo de la Esperanto-Sekcio en urbo Stanimâka (Asenovgrad). Aŭgusto, 1934.

— „Flamo“. Organo de la Laborist Esperantista Societo en Varna, 1934. Redaktis Veselina Panova (Valja Viĉeva) Velizar Georgiev, M. Evriviadova k. a.

— „Ni postenu!“. Organo de la Esperanto-Sekcio en urbo Stanimaka (Asenovgrad). 1935.

— „Izvestija“ (Informoj). Eldono de la Laborista-Esperantista Fako (PEK) en Varna. 1934.

— „La torĉo de la edukistoj“. Organo de la Internacia Federacio de la Esperantista Koresponda Fako (IEPE). 1935.

— „PEK“ (Proleta Esperanto-Korespondado). Eldono de LEA-Sekcio en Plovdiv. 1935.

— „Ŝturmulo“. Tribuno de la proletaj esperantistoj en Plovdiv. 1935. Redaktis Hristo Gorov.

Venelin Mitev

## NOVA E-PERIODAĴO

En majo ĉ. j. en la ĉefurbo de Ukraina Soveta Respublika Kiev, ĉe la Ukraina Societo de Amikeco kaj kulturaj rilatoj kun eksteraj landoj estis kreita Respublika Esperanto-komisiono, kiu iniciatis eldoni kvaronjare la informan pres-bultenon „Tra la Soveta Ukrainio" en Esperanto (ĝis nun ĝi aperadis kvarlingve ukraine, ruse, angle kaj france) kun E-kronik kaj informoj.

Mi ricevis la n-ron 1 (julio 1968), grandformata, stencilita, 42-paĝa. Kompilis kaj redaktis N. Adrianova. Estas en ĝi artikoloj de V. Gluŝkov, Ol. Minkivaskij, Nadija Adroanova, V. Sobko, krome en la literatura aldono estas versaĵoj de ukrainaj poetoj (T. Savĉenko, I. Franko, L. Ukrainka P. Tyĉina, I. Draĉ, V. Korotyĉ, M. Rilskij k. a.

Ni salutas la iniciantojn de la nova E.-periodaĵo kaj bondeziras al ili sukceson.

## REVUO POR BLINDULOJ

La Ĝenerala Germana Blindula-Ligo de GDR eldonos Esperanto-Revuon. Tiu ĉi Revuo aperos kvaronjare en la Germana Centro-Librejo por Blinduloj en Leipzig. Jarabonprezo estas 3 m. g. La Revuo havos titolon

„Amikeco"

Ĝi enhavos artikolojn pri la vivo de blinduloj en GDR kaj tradukaĵojn el gravaj verkoj de l'germana literaturo. La esperantistoj estas petataj sendi siajn mendojn senpere al la „Eldonejo de la Germana Centro-Librejo por Blinbuloj, GDR 701 Leipzig, Gustav-Adolf-Str. 7, Poŝtfako 245".

En septembro kaj decembro 1968 aperos provnumeroj, kiuj senpage estos sendataj al interesuloj. N preterlasu, postuli tian provnumeron.

## NOVAJ MEMBROJ DE T.E.J.A.

Ceffa Valerio, Via Cavalle, 12, 28068 — Romentino (Navara), Italia.

Anna Talvane, Riga, Latvia SSR, Mejapark, Ostrovski iela № 4, USSR.

Podkaminer Semen Naumoviĉ, Leningrad K-100, Karla Marksa 70, 1.73, USSR.

Andrianova Nadija Nikolaevna, Kiev — 59, ul. Artema 51/9, USSR.

Laŝkarsova (Misĉenko) Irina Petrovna, Ĥmelnickij, ul. Mira 70, kv 59, USSR.

Ulrich Lins, Gemerkenstrasse 146. D-5, Köln-Dellbrück, FR Germanio.

## NOVA SUKCESO — ESPERANTO EN LA RADIOFONIO!

Konsiderinte la multajn petojn de la Esperanto-programo de la Pola Radio en Warszawa kaj rekonante la pruviĝintan valoron de la internacia lingvo en la radiofonio, kio esprimiĝis ĉefe en la letera reeĥo, la Direkcio de la Pola Radio decidis pliampleksigi la ĝisnunan programon en la internacia lingvo de unu al tri duonhoraj disaŭdigoj ĉiutage. Tiu ĉi decido, sendube tre grava por la tutmonda Esperanto-movado, komencos esti realigata jam de la mezo de oktobro en la 1968 jaro.

Frumatene — je la 6.30 (per la meza ondo 200 m kaj mallongaj ondoj — 25,09 m, 31,45 m, 42,11 m, 50,04 m) laŭ la mezeŭropa tempo — estos elsendata la unua programo. La dua programo aŭdiĝos, kiel ĝis nun, je la 16.30 (per la mallongaj ondoj 25,34 m, kaj 31,60 m), kaj fine la tria programo estos aŭdebla vespere je la 23.30 (per la meza ondo 200 m kaj per la mallongaj — 25,09 m, 31,45 m, 42,11 m kaj 50,04 m). Ni atentigas, ke la matena disaŭdigo estas plena ripeto de la vespera programo.

---

Redaktoro: Ivan Keremidĉiev — Esperov, blv. Hristo Botev 98, Sofia 2, Bulgario, tel. 83-34-04